

# IREJO-BULTENO

**Irana Esperantista Junulara Organizo**

**N_ro : 3** **Majo - Julio 1994** **Ordibeheŝt - Tir 1373**

## Saluton !

Karaj Gesamideanoj ,

Koran dankon pro via renkonto. Vere vi dediĉis senfinan povon renkonte la asocion al ni. El diversaj urboj, urbetoj kaj vilaĝoj ni ricevis agrablajn leterojn kaj mesaĝojn. Envere IREJO jam bonorde disvastigas kaj trovas novajn amikojn, elkore bonvenon ! .

Pro multaj kialoj ni preferis ne propagandi pri la asocio sed ĝin reklamu praktike al niaj gesamideanoj unue, kaj poste malrapide al aliaj ne esperantistoj. La organizita agado bezonas klaran laborplanon do ni ekis la aferojn malrapide sed ade kaj nun esperante serĉas niajn gesamideanojn por la aktivado kiujn estas disitaj en diversaj regionoj .

Se vi mem konas samideanojn aŭ havas kontaktojn kun ili bonvoli informu ilin pri IREJO aŭ sendu iliajn privatajn adresojn al ni ĝis informigu ilin pri la asocio . Entuziasme mi atendas viajn agojn .
Samideane salutas . Bonan legaĵon ! .

La Red .

------- Adresoj ---------------------------------------------------------

IREJO_Bulteno
Organo de Irana Esperantista Junulara Organizo
Eldona Ordo : du monato
Redaktoro : *M.Reza Torabi*
Komputera Kompostado : *Abbas Bagestani*
Kontakt adreso : P . O . Kesto : 17765_184, Tehrano

---

IRANA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO _ IREJO
UEA kodo : irej-n
Fondita : Julio 1993 _ Tir 1372
Telekopiilo : (021)363232

La bulteno celas ludi informilan rolon inter Iranaj Esperantistoj.

Ĉiaj novaĵoj, informoj, eseoj kaj artikoloj bonvenas .

Subskribitaj artikoloj ne montras oficialan opinion de la asocio.

Pri ne asociaj novaĵoj kaj raportoj respondecas la raportantoj .

---

ENHAVO :

## Lande

### Ĝenerala Alvoko al la kunlaborado

Estimataj Gesamideanoj ,

E-o movado en nia lando havas longan pasintecon sed ankoraŭ ni ne havas sufiĉan informadon pri tiu ! .

En la nacia gazetaro iam al iam eldoniĝas artikoloj pri aŭ rilate la Esperanto kiuj bedaŭrinde pro la manko de propra informada centro estas disitaj kaj ne tuje akireblaj.

Pli mal pli ankaŭ en Esperanta gazetaro aperas eseoj kaj artikoloj fare de niaj samlandaj kiuj ankaŭ estas disitaj.

Se vi havas dokumentojn, informaĵojn aŭ librojn, gazetojn kaj eldonaĵojn pri E-o movado en Irano, precipe antaŭ ol la jaroj 1970, sincere IREJO invitas vin al la kunlaborado. Ni renkontas ĉian tiun interkunlaboradon pri tiu afero, jam maturiĝis tempo ke oni redaktu historion pri la E-o movado en Irano.

Pri konataj kaj ne konataj pioniroj kiuj iel dum la pasintaj jaroj klopodadis por disvastigi Esperanton en nia lando kaj faris agojn rilate tiu afero.

Se vi havas naciajn revuojn ke en tiuj eldoniĝis eseoj pri aŭ rilate al Esperanto bonvenas. Volonte ni renkontas viajn proponojn kaj kunlaborojn rilate tiuj aferoj. Bonvoli ne rifuzu viajn kunlaborojn kaj laŭ pove helpu la asocion.

Antaŭe pro via kontribuo dankegon !

Karaj Samideanoj !

Riĉigu la bultenon sendante viajn artikolojn kaj opiniojn .

## Eksterlande

### Kontaktreto

Feliĉe la esperantistaro akceptis IREJOn kiel nova membro kaj la asocio pli mal pli jam trovas sian lokon en Esperantio. Ni ricevis esperdonajn leterojn kiuj kuraĝigis nin daŭrigi nian celon kaj decas ankaŭ IREJO membroj informiĝu pri tiuj. Jen kelkaj iom mallongitaj sed tre agrablaj leteroj adresite al IREJO :

Karaj samideanoj,

Mi estis tre feliĉa, kiam mi ricevis de vi tute neatenditan leteron, en kiu mi eksciis, ke en la lasta jaro naskiĝis nova junulara organizo en Irano, IREJO. IREJO, la nomo mem estas tre bela kaj aktiva etoso
mi klopodos laŭeble helpi vin. . . .
mi havas grandan esperon je via aktivado, kaj mi ŝatas diri al vi tre rutinan sed tre gravan konsilon :

1. senĉese okazigu kursojn ĉar sen kursoj ne povas naskiĝi novaj membroj
2. havu regulan kunsidon por praktiki la lernitan lingvon
3. korespondu kun alilandaj amikoj
4. eldonu organon de via organizo, kiu estas bona ligilo inter viaj membroj, kaj ankaŭ eksterlandaj samideanoj.

fine ankoraŭfoje mi gratulas vian naskiĝon, kaj atendas pliajn informojn.

Amike via
SO Gilsu
Estrarano de UEA pri Azia agado

Karaj samideanoj de IREJO ,

Mi kore dankas pro via letero de 1994 03 19 , per kiu vi petis starigon de UEA-kodo por via organizaĵo . Kiel vi vidas supre, IREJO nun havas kodon, kiu estas irej-n. . . .

Mi kaptas la okazon por deziri multan sukceson al via estonta agado ! Mi esperas, ke IREJO ricevos oficialan

statuson en TEJO kiel eble plej baldaû .
Kun sinceraj salutoj ,

Osmo Buller

Direktoro de la Centra Oficejo de UEA

Kun granda ĝojo mi bonorde ricevis vian afablan leteron de 18 marto 1994 . Ni ege volus komuniki kun via organizo rilate al scienca , kulyura , medicina kaj turisma aferoj. . . .

Se vi havas aliajn proprajn dezirojn, bv. ne hezite diri al ni . . . .

Shen Chengril

Vicprezidanto de Scienca , Teknika Esperanto Asocio en Ĉina Akademia Scienco

## Landa movado

### Interrilato Bezonas

*Esperanto en nia lando ne estas disvastigita* kaj ĝia disvastigado bezonas elspezojn kaj adajn potencojn. Ofte oni pensas ke Esperanto facile kaj nur propagade disvastigos sed tiu estas fantazia kaj ne realo. Se ni Irananoj kredas ke la lingvo Esperanto povas doni al ni eblaĵojn rilate internacia komunikado kaj sciencaj agadoj, do ni devas investadi por ĝi kaj materie kaj ne materie. Ankoraû ni bedaûrinde ne kutimis komunajn aktivadojn kaj oni ofte preferas aktivi unuope kaj ne kolektive. Ne dubas ke en nia lando ekzistas multaj Esperantistoj sed kion ili faras ? Bedaûrinde nenion. Ofte ili mem havas miskomprenon pri la lingvo kaj preferas fari *nenion kaj kiam aliaj ekas seriozan agadon por kolektivaj* aktivoj oni dube kaj malespere atendas la aferojn ! .

Por ŝanĝi nunan situacion pri Esperanto en nia lando indas deca atento pri jenaj aferoj :

a ) Krei interkomunikadan reton inter aktivaj gesamideanoj kaj konadi la aktivulojn.

b ) Konadi la eblaĵojn kaj potencojn de la aktivuloj kiuj volonte tiujn disponigas al la servo de E-o movado en nia lando.

c ) Investado por asociaj aferoj ade kaj logike, ni memoru ke sen mona subtenado neniam la aferoj antaû-eniros, do devas subteni laû-pove kaj daûri ade la aferon.

Kompreneble superaj temoj ankaû povas havi longajn komentojn aû daûriĝi aliajn temojn sed mi pensas rimarkitaj temoj nune estas tre gravaj aferoj ĉar praktike ni sentas la malfacilaĵojn kiuj rilatas iel kun ili.

Ĉu fine ni ĉiuj Iranaj Esperantistoj sukcesos kunpaŝi serioze pri kolektiva aktivado por disvastigi Esperanton ?
Mi esperas tiun tagon .

M . Reza Torabi

# Movade

Hodiaû en Eûropo aktivaj Esperantistoj ekis profundan aktívadon rilate la E-o movado. ili esperas ke nian karan lingvon *proponigu en la Eûropa Unio Parlamento* (UP) kiel komuna lingvo inter la diversaj Eûropaj nacioj. Jen kune legu artikolon laû Eûropanaj vidpunktoj pri la lingvo.

La Red .

## Kiu timas Esperanton, hodiaû ?

Internaciisma kaj demokrata. Neûtrala. Sendependa de ekonomiaj. politikaj kaj kulturaj sistemoj. kiu timas, kiu timas *tiun ĉi lingvon? Pasintece la carismaj aûtoritatoj , poste la* faŝismaj kaj naziaj kaj la Sovetuniaj en la jaroj 30- aj timis la disvastiĝon de Esperanto. La esperantistojn oni persekutis kajmalliberigis, ĉar ilia lingvo ebligis facilajn kontaktojn kun la " aliulo ", kun la fremdulo .Kaj tio malboneagordis kun la naciismaj kaj kontraûdemokratajreĝimoj.

Hodiaû, en la asocio de la amaskomunikado, oni batalas per aliaj metodoj : al tio , kio ne plaĉas,kio ĝenas. oni neas ĉian spacon de informado , de konebleco , de pripenso . Kvazaû ĝi ne ekzistus .

Sed la demando pri la rajto je la internacia lingvo , pri la komunikado trans ĉiu kultura kaj politika landlimo, ĉeestas, estas reala kaj urĝe postulas solvon. Kiel povas komuniki ĉiu unuopulo kun la alia, en la respekto al la kultura identeco de ambaŭ?

La ununura ebleco,jam ekde hodiaŭ praktikebla. Por provizi sin per internacia lingvo, estas Esperanto . Lingvo gramatike elprovita de longa sperto (de antaŭ unu jarcento ĝi estas uzata en diversaj kuntekstoj ) ,kun vortaro kapabla esprimi ĉian nuancon aŭ koncepton ,kulture demokrata, politike senŝtata.

Estas ja kompreneble, ke naciismaj reĝimoj vidis en Esperanto malamikon batalendan kaj nuligendan. sed malpli klarigebla estas la antaŭjuĝo de tiu. kiu vidas en tiu ĉi lingvo provon de kultura homogenigo. Ĉu ne pli malriĉas socio, kiu spektas la morton de dialektoj kaj lingvoj. kiu plimalriĉigas siajn esprimkapablojn pasive akceptante unu solan alian etnan lingvon ?

Neniu proponas anstataŭigon de la itala aŭ de la franca lingvo per Esperanto: tio estus frenezeca. Oni proponas komunikilon inter homoj de diversaj lingvoj, kulturoj, religioj, ideologioj, en la plena respektado al tiuj diversecoj; akceptebla de la plej obstina naciisto kiel ankaŭ de la plej konvinkita eŭropisto aŭ universalisto. Kiu alia lingvo kapablas kunigi, koincidigi du tiel malproksimajn ekstermojn ? Kiu lingvo donas egalan dignecon al la angle-parolanto kaj al la albane-parolante? Kiu alia solvo, celanta garantii pli realan demokratecon, kapablas esti same demokrata? Kiu timas Esperanton, hodiaŭ?

El " Translimen! ", n-ro 2 1994

# Kune lernu

Ekde ĉi-tiu numero malfermiĝas ankaŭ instruada paĝo en nia bulteno ke en ĝi pri lingvaj problemoj diskutiĝos klare kaj vaste. Tiu-ĉi numeran temon ni prenis el " TT " n-ro 2/64 .Bonvoli viajn opiniojn pri la diskutita afero sendu al ni, ankaŭ aliajn viajn eventualajn problemojn pri la lingvo skribu al ni,kaj la ricevitajn bonorde ni publikigos kunplezure.

## Komenci aŭ komenciĝi ?

Multaj Esperantistoj havas problemojn distingi inter komenci kaj komenciĝi, inter fini kaj finiĝi. Normale oni lernas, ke temas pri transitiveco. Tio estas tro abstrakta. Jen (espereble) pli facila maniero kompreni kiel uzi tiujn vortojn.

unua regulo

Antaŭ i-verbo oni neniam uzu IĜ. Li komencis plori. Komencis pluvi. Ŝi finis plendi.

Ĉu tiu regulo superregas ĉiujn aliajn. Neniam uzu komenciĝi aŭ finiĝi antaŭ i-verbo

dua regulo

Se temas pri la komenco aŭ fino de la subjekto, uzu komenciĝi/finiĝi.

La leciono baldaŭ komenciĝos. Finiĝis la milito. La dancado komenciĝos tuj.

En tiaj ĉi-frazoj la subjekto estas normale okazaĵo, sed iafoje temas pri la ekstremaĵo de konkretaĵo: La karpo finiĝis per fiŝa vosto. Tiu ĉi strato komenciĝas en la kvartalaĉoj kaj finiĝas en la plej riĉa parto de la urbo.

tria regulo

Se ne temas pri la komenco aŭ fino de la subjekto,uzu komenci/fini.

Anno finis sian taskon. Petro komencis novan vivon. La instruisto finis frue.

En tiaj ci frazoj la subjekto estas preskaŭ ĉiam persono,sed

iafoje temas pri io nepersona,kiu "agas" kvazaû persono: Ĝi komencas sian ekzistadon nur de hodiaû. Nia gazeto komencas nun la kvaran jaran de sia ekzistado. Komuna kantado finis la kunvenon. Tiu vorto komencas la frazon. La famaj pafoj en Sarajevo komencis la Unuan Mondmiliton. Triaj frazoj estas tamen tre maloftaj.

**facila resumo**

Se sekvas i-verbo,ne uzu IĜ.Cetere,se la subjekto estas okazaĵo, uzu IĜ; se la subjekto estas persono,ne uzu IĜ.Tiuj tri principoj sufiĉas por preskaû ĉiuj frazoj.

**aliaj verboj**

*Ĝenerale*,kiam oni havas ĉi tiajn verbajn problemojn,estas pli bone tute fajfi pri tio,ĉu la verbo estas "transitiva" aû "netransitiva".Tiuj du trouzataj gramatikaj terminoj fakte diras tre malmulte. Estas pli bone rekte lerni la signifon de la verboj.

Se ekzemple oni lernas,ke ruli signifas pli-malpli: "movi ion per turnado de ĝi (aû de ĝiaj radoj)",tiam oni tuj scias,ke la jenaj frazoj estas bonaj: kiu rulas ŝtonon,al tiu ĝi revenos. Ili rulis sian caron. Ili ruladis siajn okulojn.

Oni kiam ankaû facile komprenas,ke oni ne povas uzi ruli,sed nepre ruliĝi en ĉi tiaj frazoj:

La pizoj ruliĝis sur la teron.La veturilo ruliĝis tre rapide. Simile estas pri ĉiuj verboj.sed ne per simila verbo en sia propra lingvo,ĉar ĝi eble ne havas precize la samajn signifojn kiel la Esperanta verbo. Oni lernu la signifon pure Esperante.*Oni komprenu la ideon,kiun la verbo reprezentas.*

Ĝis venontfoje !

Bertilo

# Novaĵoj

## " Aŝjane Ketab " , Ĉu Esperejo ?

" Atai Eldonejo " jam preskaû pli ol 20 jaroj estas nura eldonejo kiu preparas kaj eldonadas Esperantajn librojn en

Irano kaj " Aŝjane Ketab " estas oficejo de Átai eldonejo pkie ankaû troveblas ejo por Esperanto ! .

Vizite Aŝjane Ketab la gvidanto kaj la sekretario de IREJO al la direktoro de Aŝjane Ketab S-ro Behruz Átai, proponis aranĝi Esperantajn kunvenojn en Aŝjane Ketab daûre kaj aktive. La direktoro renkontis la proponon kaj estas esperoj ke beldaûe Aŝjane Ketab ludu gravan rolon kontaktante aktivulojn al unu la aliaj .

## D-ro Hosejn Váhidi ,

## IREJO estas bezono !

*D-ro Hosejn Váhidi fama aktiva Esperantisto kiun* korespondan kurson nome " Azma " oni tre bone konas, renkontis IREJOn kiel ega bezono al Iranaj Esperantistoj. Li rimarkis ke " la asocio povas alligu disitajn Esperantistojn kun unu la aliaj kaj kuraĝu ilin fari movadajn agadojn entuziasme " .

D-ro Váhidi vere kuraĝigis la asocion kaj lia subteno estas honoro al IREJO. Ni sincere dankas la Doktoron kaj ankaû bezonas liajn rekomendojn volonte .

## Tria Internacia Junulara kongreso en Azio kaj ...

50an Internacia Junulara Kongreso (IJK) okazonte en koreio estos memorinda kongreso por koreanoj kaj Azianoj ĝenerale kaj precipe por Irananoj ! . Ĉar dum tiu okazo nia asocio akceptiĝos kiel landa sekcio (LS) de TEJO, ankaû Japana Esperanto-Junulara petis aliĝon ĉe TEJO . Vere ĉi jara IJK *estos plen-frukta speciale por Azia movado kiu jam* kreskas vigle kaj disvastiĝante en pluraj Aziaj l a n d o j . Notindas ke dum la pasintaj jaroj TEJO komsiito Sabira Stahlberg vigle gvidis Azian junularan movadon ade kaj diligente. Dankon al ŝi pro ŝia respektinda aktivado rilate Azia movado.

## UNESKO Rezolucio tradukiĝis al la Persa

Trian UNESKO rezolucio pri la Esperanto kiu en Parizo emisiĝis, en IREJO tradukiĝis al la Persa lingvo. La rezolucio estas du lingva Esperanta kaj la Persa. Interesiĝantoj mendu ĝin koresponde .

## Facila Vortareto

Post unu jaro ke fodiĝis IREJO jam pli mal pli la faritaj agoj montras siajn rezultojn . " Facila Vortareto " estas unua IREJO eldonaĵo kiu publikiĝis maje, ankaû jam estas pretaj kelkaj fakaj manlibroj al la Persa kiuj baldaûe publikiĝos. " *Facila Vortareto "n redaktis M . Reza Torabi laû la proponita* listo de la revuo " Kontakto " . La vortareto haveblas sendante egalvaloro 800 Rialojn ne stampitajn poŝtmarkojn al la konstanta poŝta adreso .

## Gratulaj leteroj okaze la fondo de IREJO

Publikinte oficiala raporto pri IREJO en « tejo tutmonde » . La asocio ricevis gratulojn el Germanio, Koreio, Nederlando, Usono, Francio, Belgio, Niĝerio, Venezuelio, Svedio, Hungario, Austrio kaj Ĉinio . *Vere oni gratuldirante donis al* ni kuraĝojn kaj esperojn, la asocio elkore dankas ĉiujn .

## Esperanto kurso en KÁNGAVÁR

Kángaváro estas urbo en la provinco Kermanŝahano kiu situas sud oriente la urbo Kermanŝaho .

" la scienca kaj kultura centro de Imamo Mohammad Bager " *ĉi-sumero aranĝos senpagan Esperantan kurson laû* gvide S-ro Áli Ásgar Kosári . La kurso akceptos nur junulojn kaj komenciĝos ekde 22 . 6 . 94 / 1 . 4 . 73 .

Raportis S-ro Kosári

بنام خدا

قابل توجه دانشجویان و علاقمندان زبان اسپرانتو

گاهنامهٔ دوزبانه فارسی - اسپرانتو

# Verda Kajero - دفتر سبز

آموزشی ، پژوهشی ، تخصصی ، گزارشات و اطلاعات گسترده درزمینهٔ زبان اسپرانتو.

جهت دریافت اطلاعات بیشتر و فرم اشتراک با نشانی زیر مکاتبه نمایید.




اسپرانتو - جوان

کانون پژوهش و کاربرد علمی زبان اسپرانتو

تهران صندوق پستی ۱۸۴ - ۱۷۷۶۵